# KONGRESA REZOLUCIO

Finiĝis la 97-a Universala Kongreso de Esperanto en Hanojo, kies grava celo estis inda soleno de la 125-jara Esperanto. Ĉiuj esperantistoj en la mondo rajtas esti fieraj, ke ili estas membroj de tiu pacama, komprenema, bonvolema, inteligenta kaj amikema movado. Esperanto prezentis dum 125 jaroj la gravecon de la lingvo, eĉ ankaŭ de la movado. Okaze de la UK-j estas tradicio prepari kongresan rezolucion, kiu estas oficiala deklaro de la kongreso al ekstera publiko. La nuna rezolucio estas ege grava pro la datreveno de Esperanto, por ke ĝi povu montri al la homoj la lokon, la principon kaj la gravecon de nia movado.

Jen la kongresa rezolucio de la 97-a Universala Kongreso de Esperanto:

„La 125-jara Esperanto konstruas pontojn al pli justa kaj paca mondo.

Kunvenante en Hanojo, Vjetnamio, de la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 2012, pli ol 800 partoprenantoj en la 97-a Universala Kongreso de Esperanto rekonfirmas la gravecon de lingvo konstruita sur la idealoj de paco, amikeco kaj reciproka respekto.

Por homoj el ĉiuj landoj kaj vivofonoj, Esperanto proponas praktikan kaj potencan rimedon por rekta kontakto, reciproka interkonatiĝo kaj profunda amikiĝo.

Por mondo, kie ankoraŭ abundas konfliktoj kaj maljustaĵoj, Esperanto proponas kulturon de paco, kiun homoj kunkonstruas en egaleca etoso el ĉiuj kontinentoj.

Por internacia komunumo, kiu klopodas realigi la Jarmilajn Evoluigajn Celojn de Unuiĝintaj Nacioj, Esperanto proponas kompletigan evoluvojon al tutmonda partnereco, en kiu kunlaboras ne nur ŝtatoj kun ŝtatoj, sed homoj kun homoj.

125 jarojn post sia apero, Esperanto estas ĉiam pli vaste uzata kiel ponto al amikeco, paco kaj disvolviĝo-evoluo akcelata per la disvastiĝo de alia tutmonda komunikilo, Interreto. Oni vidas tiun interalie per la ĉijara aldono de Esperanto kiel la 64-a lingvo en la ret-tradukilo de Google.

Ni invitas homojn el ĉiuj landoj utiligi kaj kunkonstrui tiun ponton, cele al pli justa kaj paca mondo, kie disfloras ĉiuj lingvoj kaj kulturoj."

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

**„Financa Turo" en la urbo Ho Chi Minh**

## Enhavo:

# Vjetnamio estis la gastiganto por la 97-a UK

Vjetnamio kun areo de 331.698 km² kaj proksimume 87 milionoj da loĝantoj disvastiĝas de la 10-a ĝis la 24-a norda latitudo kaj la 104-a ĝis la 106-a orienta longitudo, kio montras la longan nord-sudan etendiĝon kaj malvastan orientan-okcidentan strukturon. Norde ĝi limas al la ĉinaj provincoj Junano kaj Guangshio, oriente la lando baniĝas norde en la golfo de Tonkino kaj sude en la Sud-ĉina Maro, okcidente ĝi estas najbaro de Laoso kaj Kamboĝo. Ĝi havas tropikan klimaton kun multfaceta faŭno kaj floroj. La nacia floro estas la lotusa-floro, kiun oni trovas en ĉiuj lagetoj, krome ĝi estas la simbolo de la Vjetnama Aerkompanio.




*Mapo pri Vjetnamio*

Longan tempon la nordo estis dividita de la sudo. Jam 1880 la sudo fariĝis Franca Kolonio, dum la nordo ĝis 1954 troviĝis sub feŭda reĝimo. En tiu jaro la komunistoj akiris la potencon super la nordo. Ekflamis terura milito inter la sudo kun la tiama ĉefurbo Saigon, subtenata de la okcidenta imperio, kaj la komunista nordo. Post la milito en 1976 la du partoj reunuiĝis kaj donis al la suda metropolo la nomon de la nacia heroo Ho Chi Minh.

La ĉef- kaj samtempe la kongresurbo estis Hanojo kun 6,5 milionoj da loĝantoj, kiu havas multe da malvastaj stratetoj, en kiuj la trafiko ĉefe nur funkcias en unu direkto, pro kio niaj aŭtobusoj ofte devis entrepreni grandajn ĉirkaŭvojojn. La ĉefa trafikrimedo estas la motorciklo, miloj de ili svarmas tra la urbo, kvazaŭ senregule, ofte ne respektante la maloftajn semaforojn. Estas neimageble, se tiuj homoj uzus aŭtomobilojn, la trafiko kolapsus. De inter la malnovaj kaj malaltaj domoj erektiĝas de loko al loko novaj ĉielskrapantaj konstruaĵoj; najbare de nia kongresejo, la Mélia Hotelo, ni povis observi konstruon de tiaspeca domo, la laboroj daŭris tage-nokte ĝis sabato tagmeze.

Helpantino Flama Flor rakontis al ni, ke en Vjetnamio oni laboras kvin kaj duon-tagon semajne, do ĝis sabato tagmeze. La ripoztagoj limiĝas al 12 jare. Por helpi en la UK kaj sekve en la IJK ŝi devis forkonsumi sian tutan ferion. Laborante kiel bankoficistino, ŝia monata enspezo proksimumas USD 400. Lupago por malgranda loĝejo postulas USD 150, pro kio ŝi kune vivas kun amikino en sama apartamento por dividi la kostojn. Pro tio la junaj homoj ofte estas dependaj de siaj gepatroj, ĉar se ili volas geedziĝi kaj eduki infanojn, sen ties helpoj ne eblas, ĉar la ŝtato ne donas finacan subtenon por infanoj. Pro tio gefiloj devas interkonsenti kun gepatroj pri siaj partneroj. Geedziĝi kontraŭ la volo de gepatroj fariĝas risko por la gejunuloj.



*Kelkaj partoprenantoj en la fervojista kunveno*

Niaj helpantinoj tre entusiasme kaj gaje agis. Por faciligi al ni por memorigi iliajn nomojn, ili alprenis simplajn karesnomojn, kial la jam citita Flama Flor, aŭ alia, kiu sin nomigis Ĝojo kaj ĉiam aperis transdonante al ni ĝojajn momentojn. La lingvonivelo inter ili iomete diferencis, ĉar kelkaj jam lernis nian lingvon dum jaroj, sed aliaj nur dum monatoj. Sed ĉiuj kun granda fervoro servis al ni. Mi nomis ilin miaj nepinoj, ĉar ili troviĝas en tia aĝo.

La kongresa laboro ĉefe okazis en la kongresejo Mélia Hotel. Sed la *Inaŭguro* kaj *Solena Fermo*, kiel ankaŭ la vesperaj kulturprogramoj okazis en la Universitato, ĉar tie oni disponis pri tre granda salono. La kongreson partoprenis 866 homoj el 62 landoj.

La *Inaŭguron* salutis la Alta Protektanto, Vic-prezidento de la Socialista Respubliko de Vjetnamio, S-ino Nguyln Thi Doan. Post ŝia saluto ŝi transdonis Amikecan Medalon al nia prezidanto Probal Daŝgupta. La salutvortoj de Daŝgupta aperis en la internacia ĵurnalo Vietnam News. Nome de la urbo Hanojo salutis nin la Vicurbestrino de Hanoja Popolkomitato, s-ino Nguyln Thi Bích Ngoc. Claude Nourmont-Moon legis salut-mesaĝon de Zaleski-Zamenhof. Barbara Pietrzak prezentis du novajn Honorajn Membrojn: HORI Jasuo el Japanio kaj György NANOVFSZKY el Hungario. Post kantado kaj dancado Mark FETTES prezentis la „Kongresan Temon”. Post salutvortoj de la reprezentantoj de TEJO, ILEI, Akademio de Esperanto kaj de SAT, sekvis la salutvortoj de landaj reprezentantoj el ĉirkaŭ 60 landoj, inter ili maloftaj gastoj en niaj kongresoj, kiel Laoso, Kamboĝo kaj Singapuro.



*Ernst Quietensky prelegas*

Mi partoprenis en du *Komitatkunsidoj*, la unua okazis sabate, la 28-an de julio kaj la dua vendrede, la 3-an de aŭgusto. Inter aliaj oni decidis la altigon de la kotizo por individuaj membroj. Mark FETTES prezentis la provizoran tekston de la „Kongresa Rezolucio”, kiun ellaboris Mark FETTES, Amri WANDEL kaj Mireille GROSJEAN.

En la tablo de la *Movada Foiro*, kiun mi dividis kun Franciska TOUBALE de SAT, mi povis disdoni invitilojn por nia 65-a kongreso en Francio kaj krome

kelkajn ekzemplerojn de IF. En parolo kun brazila samideano, tiu plendis, ke Brazilo urĝe bezonus modernan fervojan reton, sed Usono tion malpermesas al sia lando. Marde mi partoprenis en *Faka Forumo*, kie mi havis la okazon prezenti nian Fakan Asocion. Krome sin prezentis la Scienca Asocio kaj UMEA. Ĵaŭde sekvis la *Subkomitato* por Scienca kaj Faka Agado, ambaŭ kunvenoj estis estrataj de Amri WANDEL.



*Halong golfo kun rokinsuloj*

Finfine ĵaŭde posttagmeze mi disponis pri salono por 90-minuta *Prezentado de IFEF*. Kunvenis 14 vizitantoj, el Aŭstrio, Belgio (reprezentanto de ILEI), Ĉinio, Japanio kaj Norvegio. Komence mi skizis la laboron de IFEF kaj informis pri la lastjaraj okazaĵoj kaj nia kongreso en Herzberg. Krome mi informis pri nia estonta en Artigues- près-Bordeaux. Mi menciis ankaŭ la „Laboran Interkonsenton" kun ILEI, realigita en Herzberg. Ankaŭ ĉi tie, kiel jam en *Movada Foiro*, mi disdonis la invitilojn. Kolego Moritaka Osioka plendis pri perdo de subteno flanke de la Fervojista Sindikato en Japanio, portempe ili havas 17 membrojn. Krome li promesis sendi delegiton al Francio. El Ĉinio salutis S-ino Liu Jun. Fine, la norvega kolego raportis pri novkonstruo de dutraka fervojlinio inter Oslo kaj Gotenburgo, kiu servos al person- kaj vartrafikoj. Ekestis vigla diskuto, pro kio ni elkonsumis plene la dediĉitan tempon.Ankaŭ ĵaŭde, vespere, mi havis la honoron esti unu el la 200 invititoj al la *Urbestra Akcepto.* La karavano de aŭtobusoj kun la invititoj ekiris de la kongresejo, eskortita de policaj aŭtomobiloj, kiuj per bluaj signallampoj kaj akustikaj signaloj liberigis la vojon. Ĝis nun mi konas tion nur kaze de ŝtataj gastoj. Post la alveno en la urba palaco ni estis akceptitaj per muzik- kaj dancprezentado. Post salutvortoj de la vicurbestrino ni estis regalitaj per plena menuo, dum kio la muzikprezentado daŭris. Forirante ni ricevis sakon kun neavaraj donacoj, grandan vazon kun engravurita esperanta teksto: „Donace de la Popola Komitato de la urbo Hanojo al la kongresanoj de UK-97". Krome bele binditan festlibron "1000 jaroj THĂNG LONG - HÀ NOI" kaj insignon kun la urba blazono.La *Nacia Vespero* estis vera kultura perlo, la belaj kostumoj kaj la por ni eŭropanoj ne kutimaj muzikinstrumentoj kiel Dan Baŭ aŭ la Trun (vertikala ksilofono?), kiuj eligas belajn sonojn kaj estis por ni prezentita de la kant-instrumenta ensemblo "Thang-Long".

La *Balo* estis ne laŭ mia gusto, simpla diskoteko kun elektronik-aparata muziko kaj ekstreme laŭta. Ni do preferis danci (aŭ gimnastiki?) en vestibloj, kie la muziko estis eltenebla.En la *Teatra Vespero* brazila aktoro prezentis monologon pri la brazila liberecbatalanto kaj nuna nacia heroo Tiradentes, kiu en la 18-a jarcento luktis kontraŭ la portugalaj koloniistoj en Minas Gerais kaj kiun oni mortpunis en la jaro 1792.

Pro ĉeesto de nekutimaj aliĝintoj al UEA-kongreso fariĝis vere bunta prezentaĵo. Indonezia karavano ĝojigis nin per ravaj dancoj en naciaj kostumoj. Afrikaj geamikoj el Burundo kaj Kongo, Dem. Resp. kune prezentis afrikan kanton en Esperanto kaj

svahilo.

*Duontaga Ekskurso* tra Hanojo gvidis nin al etnografia muzeo, kie oni montras la ĉiutagan vivon de la vjetnamaj popoloj. Poste ni veturis per biciklaj taksioj al la akvoteatro, speciala pupteatro, en kiu la aktoroj manovras la pupojn starante en akvo malantaŭ kurteno. Vendrede – tie eksterordinare – oni prezentis esperantligvan programon al la gekongresanoj.

Eksterprograme ni vizitis la Ho Chi Minh – Muzeon. Indas rigardi tiun gigantan ekspozicion en la tre moderna konstruaĵo, oni prezentas la vivon de Ho Chi Minh. De lia naskiĝdomo (ĉu origina aŭ rekonstruita) ĝis la rekonstruita kaverno, en kiu li sin kaŝis dum la liberecbatalo, oni estas gvidata tra diversaj stacioj de lia vivo.
La *Tuttaga Ekskurso* gvidis nin al la fame konata Halong golfo kun la pitoreskaj rokinsuloj kaj al vizito de la Daŭ Go kaverno sur la samnoma insuleto.

En grupo de 58 gekongresanoj ni partoprenis *Postkongreson* al Ho Chi Minh urbo kaj Angkor-Vat en Kamboĝo. La areo de HCM-urbo estas pli malgranda ol tiu de Hanojo, sed HCM superas kun 7 milionoj da loĝantoj tiun de Hanojo. Evidente vidiĝas la diferenco inter la du urboj. Kompare kun Hanojo HCM-urbo (eksa Saigon) havas pli vastajn stratojn kaj pli densajn ĉielskrapantajn konstruaĵojn (iomete min rememorigis al Ŝanhajo), ankaŭ pli da privataj aŭtomobiloj videblas tie. La plej impona objekto estas la Financa Turo.


*Templo Angkor Vat*

Ni vizitis la Palacon de Reunuiĝo, kie oni ekspozicias multajn dummilitajn telekomunikigajn aparatojn, kiuj estis uzataj de la usonanoj en la subtera parto de la palaco. Supre oni vidas la prezidentan laborĉambron kaj la konferencsalonojn.

Ankaŭ la centra poŝtoficejo estas vidinda, 1891 konstruita laŭ kolonia stilo. Je la fino de la halo, super la horloĝo vidiĝas granda portreto de Onklo Ho. Krom la poŝtaj giĉetoj oni trovas multajn vendejojn en ĝi, videble la turismo jam konkeris la objekton.

Venontan tagon ni krozis sur la rivero Mekongo, kie sur insuleto atendis nin bonega tagmanĝo kun arta muzikprogramo, tipe vjetnama.

La fino de nia postkongreso portis nin al najbara Kamboĝo, kie ni vizitis la Uneskajn Heredaĵojn, la templojn Angkor Vat kaj Angkor Tom, konstruitaj inter la jaroj 1113 kaj 1150 sub la regado de la kmera reĝo Suryavarman la Dua. La silueto de la templo Angkor Vat eniris al la nacia flago de Kamboĝo.

Aldone socia rimarko: Kompare al ni eŭropanoj la vjetnamoj vivas modeste, sed ne mizere, kontraŭe en Kamboĝo la mizero ne estas pretervidebla.

**Ernst Quietensky**

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2011

Surbaze de la dissendita demandilo la landaj asocioj de IFEF preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2011. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar malgraŭ pluraj alvokoj tiu ne alvenis el Germanio, Japanio, Norvegio, Serbio kaj Slovakio.

***1. La landaj asocioj***
La landaj asocioj raportas pri 1490 membroj, kiu nombro kun 220 membroj estas malpli ol en la antaŭa jaro. Laŭ la raportoj 11 landoj nombras membrojn sub 50, tri landoj havas inter 51 kaj 100 membrojn, tri landoj inter 101 kaj 200, kaj unu lando havas pli ol 200 membrojn.
Laŭ la kotizoj – kune kun la 11 individuaj membroj – IFEF nombras 490 membrojn, kiu nombro kun 25 membroj estas malpli ol en la antaŭa jaro.
Ĉiu membro estas IFEF-membro en Japanio, Danio, Italio kaj Slovenio.
Laŭ la raportoj pli ol 70% estas emerito de la IFEF-membraro, kaj tiu indiko superas la 90%-ojn ĉe multaj landaj asocioj. Danio nombras 57 %-ojn da emerituloj, Hungario 60%-ojn; nur Ĉinio kaj Rumanio havas sub 50%-oj.

***2. Taskoj de la landaj asocioj***
Ok landaj asocioj agadis laŭ aprobita laborplano kaj kolektis indikojn pri la historio de sialanda fervojista Esperanto-movado.

***3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj***
11 landoj raportas pri interrilatoj kun la fervoja administracio. El ili ok asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni. Kvin landaj asocioj kontaktis kun sindikatoj, kaj neniu ricevis subtenon.
Dek landaj asocioj havis rilaton kun la landa FISAIC-sekcio; ses landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ ceteran helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvin landaj asocioj havas oficon en la landa FISAIC-organizaĵo.
12 landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj aŭ religiaj organizoj.

***4. Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj***
Nur en Aŭstrio, Belgio, Pollando kaj Serbio ne okazis jarkunveno en la jaro 2011. Entute 640 ĉeestantoj partoprenis la jarkunvenojn, du landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj. En kvin jarkunvenoj okazis fakprelegoj, krome kelkaj landoj samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn.
Ses landoj aranĝis memstaran fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

***5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj***
Laŭ la raportoj preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havis interrilatojn kun sialanda asocio de UEA.
Nur en tri landoj ekzistas SAT organizaĵo, kun kiuj la fervojistaj esperantistoj kontaktis.
11 landaj asocioj havis bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.
En Kroatio, Hispanio kaj Pollando ne ekzistis fakdelegito ĉe UEA. Entute 44 fakdelegitoj helpis la agadon de UEA flanke de la fervojistoj.

***6. Informado en la plej vasta senco***
La fervojistaj esperantistoj en kvar landoj aranĝis ekspozicion, naŭ landoj plenumis

kromajn aktivecojn (flugfolioj, afiŝoj, retpaĝoj ktp.).
Naŭ landaj asocioj informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj per propra medio, respektive pere de fervojistaj gazetoj, ceteraj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj.
Sep landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakaj artikoloj.

***7. Instruado***
Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj – escepte Danio, Hispanio, Kroatio kaj Slovenio – raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj. Laŭ la raportoj okazis sume 31 lingvokursoj kun pli ol 500 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉinio, Francio, Hungario kaj Rumanio. La lingvokursoj estis memstare en kvin landoj, kaj ses landoj aranĝis tiun komune kun la landa Esperanto-asocio kaj kun aliaj Esperanto-organizoj.

***8. Junulara agado***
Ses landaj asocioj raportas pri entute 64 junaj membroj (sub 30 jaraĝo) el la tuta asocia membraro. En Hungario 38, en Ĉinio 20, en Rumanio du, en Italio, Kroatio kaj Slovenio nur unu gejunuloj troveblas. Memstara junulgrupo ne ekzistas.
Malgraŭ propagando, kongresoj, klubkunvenoj, ne sukcesis akiri novajn membrojn inter la junularo. Ni devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo de nia movado.

***9. Landaj organoj***
Naŭ landaj asocioj eldonis propran organon. En Bulgario, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio kaj Hungario kvar-foje, en Italio du-foje, en Rumanio unu-foje aperis landa organo en la jaro 2011. La japanoj eldonis kvar informilojn pri la enhavo de la revuo IF.
La nombro de la jara paĝo sume estis pli ol 500, laŭlande ĝi varias inter 10 kaj 96 paĝoj. Bulgario, Ĉinio, Danio kaj Hungario eldonis ĝin pure en Esperanto. Ok landoj havis spacon en aliaj organoj.

***10. Faka agado***
Naŭ landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. Ĉefe la germanoj laboris aktive sur tiu tereno.
Ses jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

***11. Ekonomio***
En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj membrokotizoj kaj la redukto de la elspezoj povis teni ekvilibre la financan staton. En tri landoj la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga, sep landoj havis modestan ekvilibron. En Belgio, Ĉinio kaj Hispanio la ekonomia situacio estas malbona.

***12. Fina komentario***
La ĝenerala situacio de la fervojista Esperanto-movado ne estas bona. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro ĉe la asocioj, la manko de gejunuloj, kaj la manko de intereso pri Esperanto inter fervojistoj (ili preferas la anglan lingvon).
Estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, same la membro-nombro de IFEF. Ni devas trovi taŭgajn metodon kaj eblecojn por plibonigi la fortostreĉan penadon de niaj landaj asocioj kaj la agadojn de IFEF, helpe de la laborplano de IFEF.

**Sylviane Lafargue**
Vicprezidanto de IFEF

# KROATAJ ESPERANTISTOJ KONGRESIS EN LA URBO KOPRIVNICA

La 10-a kongreso de la kroataj esperantistoj okazis en la urbo Koprivnica inter la 22-a kaj 24-a de junio 2012. En la kadro de tiu kongreso en la vilaĝo Koprivnicki Bregi okazis la solena inaŭguro de memortabulo de la iama estrarano de IFEF Ilija Puhalo. Okaze de tiu solenaĵo mi partoprenis en la kongreso – kiel invitita gasto – en la nomo de la IFEF-estraro.

En la kongreso partoprenis pli ol 160 esperantistoj, inter ili 32 eksterlandanoj el 13 landoj. La kongreso komenciĝis vendrede antaŭtagmeze kun la jarkunveno de la Kroata Esperanto-Ligo, kaj poste okazis vizito al la muzeo de nutrado „Podravka". Posttagmeze okazis kelkaj prelegoj pri Tibor Sekelj, pri la episkopo Ŝtrosmajer, pri ILEI kaj pri la Juna Amiko. Okazis kelkaj libroprezentadoj pri nova libro „Sonĝoj kaj ombroj", pri „Mapo de naciaj minoritatoj en Serba Respubliko" kaj pri la libro „Azijski krug". Vespere okazis koncerto fare de la itala kantisto Emanuele Rovere, kiu ĝojigis la partoprenantojn per siaj enhavriĉaj kantoj. Poste okazis „amika vespero" kaj dancado.

Sabate antaŭtagmeze okazis interesaj kulturprogramoj en la kongresejo. Posttagmeze per specialaj aŭtobusoj ni vojaĝis al la vilaĝo Koprivniĉki Bregi, kie okazis solena inaŭguro de la memortabulo de Ilija Puhalo okaze de la 75-a datreveno de lia morto. Ilija Puhalo estis la vicprezidanto kaj sekretario de la „Internacia Asocio de Esperantistaj Fervojistoj" (IAEF), redaktoro de la faka revuo „La Fervojisto". Li kunlabore kun la prezidanto de IAEF Stevan Stojniĉ entuziasme kaj serioze agadis dum sep jaroj sur la tuta asocia labortereno. La inaŭguron organizis la LKK de la 10-a Kroata Kongreso kaj la Komunumo de la vilaĝo Koprivniĉki Bregi. La marmoran memortabulon oni metis sur la muron de la iama „Fajrobrigadista Domo", nuntempe nomata „Socia Domo", en kiu funkciis la monde unika kamparana Esperanto-societo. Sur la tabulo estas gravurita la vortoj: „Fervojisto, Kulturaganto kaj Esperantisto". Dum la inaŭguro partoprenis pr. cent personoj. En la nomo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio mi faris festparolon. Unue mi parolis pri la Esperanto-agado de Puhalo ĝis lia morto, kaj poste mi taksis la entuziasman kaj efikan laboron de Puhalo, jene: *„Mi rajtas diri, ke sen Ilija Puhalo la fervojista Esperanto-movado en tiu ege malbona tempoperiodo estus estinta morta movado. Dank' al li, dank' al lia entuziasma kaj sindonema agado la fervojistaj esperantistoj transvivis ĉiujn malfacilaĵojn kaj obstaklojn. Per lia sindona vivo li klarigas al ni, ke ekzistas devoj, kiujn ŝajne neniu*




*István Gulyás festparolas*



Vizitantoj en la galerio de naiva arto

*preskribas, tamen ni devas devigi tiujn al ni mem. La spirito neniam estingiĝas, sed kun novaj kaj novaj lignoŝtipoj oni devas ekflamigi ĝian fajron. La laboro estas ne nur nia propra privilegio, sed eĉ nia ĝenerala devo. Ĉiu devas mastrumi laŭ tio, kion oni ricevis de la vivo. Ilija Puhalo predikis tion, kion si mem faris kaj vivis. La mallonga vivo de nia samideano Ilija Puhalo rezultis fruktojn. En la nomo de nia organizo – Internacia Fervojista Esperanto-Federacio – kaj ĉiuj fervojistaj eĉ nefervojistaj esperantistoj mi klinas mian kapon antaŭ lia memoro. Ni estas fieraj, ke ni havis tiun antaŭulon. Je la memoro de tiu ni inaŭguras tiun ĉi memortabulon honore al li, kio devas fanfaroni kion ĝi malkaŝas al ni".*

Poste rememoris pri la agado de Ilija Puhalo la prezidantino de la Kroata Fervojista Espetanto-Asocio s-ino Marica Brletiĉ. Ŝi akcentis, ke: *„La nunaj fervojistaj eĉ ankaŭ nefervojistaj esperantistoj povas fiere pripensi al Ilija Puhalo, kiu montris la plej taŭgan vojon por agadi bonrezulte kaj entuziasme en la Esperanto-movado. Ne nur la kroataj esperantistoj ricevis bonegan heredaĵon de li, sed la tuta esperantistaro. Tiu ĉi memortabulo starigas indan memoron al Ilija Puhalo".*

La infana folklorgrupo preparis mallongan ĉarman programon per kantoj kaj dancoj en la Socia-domo, kaj la Virina societo de la vilaĝo regalis la ĉeestantojn per kukoj kaj trinkaĵoj.

Poste ni veturis al la vilaĝo Hlebine, kie ni vizitis galerion de naiva arto. Post la ege interesa vizito la kongresanoj daŭrigis la vojon al la urbo Durdevac, kie okazis plurtaga kultura, etnografia kaj ĉefe turisma manifestacio.

Ni povis promenadi en la urbo, aĉetadi el multspecaj varoj, manĝi bongustan frititan kolbason, eĉ trinki bonegajn bierojn. Poste okazis interesa spektaklo ĉe la fortikaĵo sur la ekstera scenejo. Fine ni povis ĝui piroteknikan spektaklon. Post noktomezo ni reveturis al la hotelo en Koprivnica. Estis ege interesa programo por la kongresanoj.

Dimanĉe antaŭtagmeze kelkaj kongresanoj faris urborigardon en Koprivnica, kelkaj ĝuis la urbajn naĝbasenojn Cerine. Poste la kongresanoj hejmenveturis.

La tritaga kongreso estis inda evento por la kroataj esperantistoj. La organiza laboro, la akcepto de la gastoj, la akurataj programeroj, la amika etoso kaj la emocia ceremonio por inaŭguri la memortabulon de Ilija Puhalo tenas neforgesebla tiun kongreson. Mi denove dankas la inviton, kaj mi gratulas al la organizantoj, ĉefe al s-ro Josip Pleadin, kiu senlace kaj entuziasme agadis por la sukceso de la 10-a kongreso de la kroataj esperantistoj. Ankaŭ mi dankas la zorgadon kaj akompanon al la kroataj fervojistaj esperantistoj, ĉefe al s-ino Marica Brletiĉ.

**István Gulyás**

# RESUMOJ DE LA FERVOJFAKAJ AKTUALAĴOJ

Dum la 64-a IFEF-kongreso okazis programero „Fervojfakaj aktualaĵoj”, en kies kadro la partoprenantoj aŭskultis entute ok prelegetojn. El tiuj ni prezentis resumojn de ses interesaj, kaj altnivelaj prelegetoj.

**Fervoja projekto Stuttgart 21** (Sygfried Krüger)

En la prelegeto la aŭtoro prezentas projekton pri alikonstruo de ĝis nun sakstacio Stuttgart al subtera trapasebla stacio. Tiu ĉi projekto prezentas elspezojn ĉirkaŭ 4,5 miliardoj da Eŭroj, kaj konstrudaŭron dum 10 jaroj. Dum tiu tempo estos forprenitaj la surteraj konstruaĵoj, kaj estos konstruitaj subteraj areoj de la stacio kun alkondukaj tuneloj. La projekto havas ne nur simpatiantojn. Dum la preparlaboroj kaj ankaŭ nun dum la komencaj laboroj multaj loĝantoj protestas ĉefe pro tio, ke ili volas savi la ĝisnunan stacidomon kaj la apudan montaran regionon.

**Metroo en Rijad** (Lene Niemann)

Rijad estas rapide kreskanta ĉefurbo de Saud Arabio, kiu nun havas ĉirkaŭ ses milionojn da loĝantoj. Por solvi trafikajn problemojn de la urbo, la registaro decidis konstrui metroon. La kreinto de la projekto estis elektita dana firmao „Metro-service”.

**Trafika salono de Universitato Pardubice** (Jaroslav Matuŝka)

La trafika salono de la Trafika fakultato en la Universitato Pardubice estas dediĉita por praktika instruado de studentoj en teknologio kaj regado de trafiko, kaj konsistas el modela fervojo kun tri stacioj ekipitaj per diversaj tipoj de sekuriga instalaĵo – elektromekanika, relajsa kaj elektronika. En la modeltrakaro estas ankaŭ trapasejo kaj signalilregejo. La studentoj povas ĉi tie praktike ekzerci teoriajn sciadojn. La ekzercado okazas en tri niveloj.

**Nova silkvojo** (Ladislav Kovár)

La regiono sub la sudaj deklivoj de la montaro Kavkaz estis jam en la pasinteco grava vartransporta vojo inter Azio kaj Eŭropo. Dum la pasintaj jardekoj tie okazis oftaj bataloj ĉefe pro politikaj kaj ekleziaj kaŭzoj. Nuntempe tiu ĉi regiono taŭgas por simpla konekso inter petroloriĉa Azerbajĝano kaj turkaj havenoj ĉe la Mediteranea maro. Pro tio nun Kartvelio rekonstruas kun financa subteno de Azerbajĝano fervojlinion inter la urboj Marabda kaj Ahalkalaki por ebligi transportadon de trajnoj kun petrolo de Baku al Turkia landlimo. La rekonstruo de la linio prezentas ankaŭ instaladon de nova elektronika sekuriga sistemo, kiun produktas la firmaoj Starmon s.r.o. (CZ) kaj Betamont s.r.o. (SK) sub komuna entrepreno Betamont ES. La unua etapo-stacioj Cchradzma,

Cinekaro kaj Tetrickaro estas jam epikitaj per nova sekuriga sistemo. Aliaj du etapoj estas en preparo.

**Rememoro je Joachim Giessner** (Manfred Retzlaf)

Joachim Giessner naskiĝis la 23-an de decembro 1913 en germana urbo Dresdeno. En 1950 li konatiĝis kun kultura E-grupo de la Fervoja Sociala Organizo, kiel deĵoranta fervojisto ĉe Germana Federacia Fervojo. Li eklernis Esperanton, kaj fariĝis ties grava akcelanto kaj aplikanto. Ekde la jaro 1957 li estis la prezidanto de la Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA), de 1958 ĝis 1990 prezidanto de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), kaj poste en 1990 li estis elektita kiel honora prezidanto de IFEF. En 1985 li ricevis la merit-medalon de la Germana Esperanto-Asocio (GEA), kaj ankaŭ en 1985 li fariĝis „Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio" (UEA). La Esperanto-urbo Herzberg – kie li estis staciestro de 1968 ĝis 1979 – starigis por li monumenton ĉe la tiea stacidomo. Li kontribuis ankaŭ al la Esperanto-kulturo per tradukado de pli ol kvarcent kantoj al Esperanto.

**Elstaraj kroataj esperantistoj** (Zlatko Hinst)

En la prelego la aŭtoro mencias vicon de esperantistoj devenantaj el Kroatio, kies vivdatreveno okazas en la jaro 2012. Inter ili estas multaj fervojistaj esperantistoj, kiuj aktivadis dum komencaj jaroj de la pasinta jarcento. La prelego montras ankaŭ kompletan priskribon de aliaj gravaj personoj, aktivaj en Esperanto-movado ĝenerale.

**Ladislav Kovář**

# Pri propraĵoj de nefervojaj entreprenoj

Multaj nefervojaj entreprenoj sur sia areo posedas trakojn kun konekso al publika fervojreto, por ebligi uzon de fervojaj veturiloj sur la entreprena areo. Precipe koncernas kargadon kaj malkargadon de vagonoj sen neceso de surŝosea transporto inter publika transkargejo kaj la entrepreno. Tre grandaj entreprenoj posedas ne nur trakojn, sed ankaŭ proprajn lokomotivojn kaj eĉ regejojn.
Por nomi tiajn fervojinstalaĵojn, en terminaroj kaj literaturo multkaze ekzistas netaŭgaj vortelementoj, ekzemple privat- kaj industri-. Privataj fervojoj publikaj estas pli kaj pli nombraj, kaj ekster industriaj entreprenoj ekzistas minejaj, komercaj ktp.
Sekve Terminara Sekcio antaŭ jaroj decidis la adjektivon klienta, ĉar trakposedanta entrepreno ĉiukaze estas vartransporta kliento de publika fervojo. Ni korektis koncernajn terminojn al fervojinstalaĵo klienta, trako klienta, lokomotivo klienta.

**Heinz Hoffmann**
sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

# Rumanio estas vizitinda lando

***Ĉu eblas viziti Rumanion gvidate de sperta esperantista ĉiĉerono? Jes, tio eblas. Ekde pluraj jaroj Rodica Todor, nia simpatia kaj sperta prezidanto de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio), jam plurfoje proponis akompani kaj sukcese gvidi grupojn de esperantistoj. Sed ni proponu desupran rigardon al Rumanio.***

Nun Rumanio havas pli ol 21 milionojn da enloĝantoj, nombro kiu stagnas de pli ol 20 jaroj pro la ekonomia elmigrado. La popolo konsistas el 89 % da nacianoj, kiuj deklaras sin rumanoj. Diversaj minoritatoj komponas la popolon: Hungaroj, Germanoj, Turkoj, Rusoj, Judoj, Romaoj (ciganoj). Tiuj lastaj estas la plej granda minoritato de la lando.

La Rumanoj kutimas substreki sian latinan identecon meze de la Slavoj kaj sian ortodoksan kulturon inter la latinoj. Spite al multaj invadoj kaj kulturaj miksadoj, kies spuroj retroviĝas en la lingvo, la ŝtona ornamo, la gastronomio, la folkloro, ili konservis sian lingvon ricevitan de la romianoj. La ĉefurbo Bukareŝto enhavas 2 milionojn da loĝantoj.

Akompanate de nia ĉiĉerono Rodica, tridekses esperantistoj el sep landoj partoprenis la viziton de Bukareŝto kaj de la Danuba Delto. Post la delta ekskurso eblis daŭrigi la viziton al Braŝovo kaj survoje supreniri per telfero la montaron Buĉeĝi (2500 m), trarigardi la urbon Predeal, la kastelon Bran (Drakula), la reĝan kastelon Peleŝ (Sinaia) kaj la fortikigitajn preĝejojn Raŝnov kaj Preĵmer. Ĉar mi ĉesigis mian ekskurson tuj post la vizito de la Delto, mi ne klarigos pri tiu dua parto. Eble alia partopreninto komentos tiun itineron!

Ses francaj nantanoj (Nantes-anoj) la 4-an de junio 2012, de la flughaveno Paris-Beauvais sin direktis al Bukareŝto per aviadilo. En la bukareŝta flughaveno Otopeni, Rodica atendis nin kaj klarigis la manieron atingi nian hotelon en Bukareŝto, kie ni rendevuis kun la aliaj alvenintoj. Per buseto ni veturis al proksima stacidomo, kaj sekve regiona trajno iradis al la ĉefa stacidomo de Bukareŝto "Gara du Nord". Ni piediris al nia hotelo «Hello», situanta kelkajn metro-centojn de la stacidomo. Tiu hotelo estas ne multekosta, proponis servojn laŭ bona eŭropa nivelo. Vespere ĉiuj kuniĝis en apuda restoracio kaj ekkoniĝis.



*La parlamentejo en Bukareŝto*

La morgaŭon, mardon, post bona ripozo Rodica informis nin pri la tuttaga vizito en Bukareŝto. Ni celis viziti la Palacon de la Parlamentejo matene, kaj posttagmeze la malnovan centron de la urbo. La tutan tagon la suno kompleze radiis en blua ĉielo. Ĉar la distanco inter la hotelo kaj la Parlamentejo estis iom longa, ni enprofundiĝis laŭ longa ŝtuparo por atingi la kajon de la metroo. Ĝi bele aspektas kun modernaj vagonoj simile al longa serpento, en kiu interne ni povis paŝi de la unua veturilo ĝis la lasta tiel, ke ĉiuj vagonoj estas malfermitaj ĉe ekstrema kazo, kaj ebligas la trairon de la tuta metroo.

Tiel ni atingis la metroo-stacion «Placo de la Unuiĝo». Per la konata bulvardo «Unirii» similanta al la franca avenuo «Champs Elysées», ni piediris al la Palaco de la Parlamentejo, kiun ni vizitis kun granda intereso. Ne eblas paroli pri Bukareŝto sen elvoki tiun imponan domegon konstruigitan de la volo de la diktatoro Ceausescu. Por starigi tiun grandegan konstruaĵon estis necese ternivele detrui grandan areon de la historia centro de la urbo. Multajn preĝejojn, kirkojn, sinagogojn, malnovajn domojn oni faligis kaŭzante grandan damaĝon laŭ historia vidpunkto. Konsekvence la popolo devige transloĝiĝis pli malproksimen kun malpli de necesa komforto.



*Partoprenantoj sur la ŝipeto*

La palaco de la Parlamento estas grandioza. Ĝi forte impresas pro sia grandeco kaj majesteco. Ekde j. 1983 la konstruaĵo kovras loĝeblan areon je 3 365 000 kvadrataj metroj. La pinto de la Palaco atingas 86 metrojn super la teretaĝo. Konsiderante la «Libron de la Rekordoj», tiu konstruaĵo situas en la dua rango tuj post la Pentagono. Tiu palaco enhavas 1000 salonojn inter kiuj oni trovas 440 oficejojn. Multaj tapiŝoj, lustroj, luksaj kaj pezaj kurtenoj plibeligas la kunvenosalonojn same grandajn, kiel la tereno de piedpilko. Sed la konstruo-kosto de tiu palaco pli kaj pli ampleksiĝis kaj finance ruinigis la landon. La popolo multe suferis, ribelis pro tiu nedeca elspezo. Revolucio naskiĝis. Multaj homoj perforte pereis. Kiel vi scias oni arestis la perhelikoptere fuĝantan diktatoron, kiun oni juĝis, kondamnis al morto kaj fine ekzekutis kun lia edzino la 25-an de decembro 1989.

Sed kion fari de tiu ne finkonstruata ŝtat-posedaĵo? Komence, la popolo furioziĝis kaj intencis malkonstruigi ĝin. Sed post pli saĝa pripensado, oni decidis finkonstruigi ĝin kun la celo dediĉi tiun konstruaĵon al la popolo. Tiam oni nomis ĝin «Domo de

la popolo». Nun ĝi utilas al internaciaj kunvenoj kaj al la laboro de la Parlamentanoj. Tial, ĝia nomo fariĝis «Palaco de la Parlamento».

Post tiu interesa vizito, ni piediris tra la malnova historia centro de la ĉefurbo ĝis la strato Stavropoleos, kie ni vizitis la belan samnoman preĝejon. Tiu malgranda juvela sanktejo kun multaj ikonoj estis starigita en 1724 de greka monaĥo. Ni tagmanĝis en apuda bierfarejo kun neogotika fasado nomata «Caru' cu Bere». Tie oni fabrikas la bieron ekde 1879. Interne multaj kolorigitaj vitraloj, murpentraĵoj surmur-lignaĵoj allogas la klientojn. Surfone de muzika orkestro ni ĝuis bonegan gastronomie tradician tagmanĝon, ĉarmigitan kun surloke farita biero.

Tagmeze por faciligi la digestadon, ni paŝis al la parko Grădina Cişmigiu kaj survoje al nia hotelo ni renkontis plurajn signifajn monumentojn kaj instituciojn. Ĉesigis tiun vizit-tagon agrabla kunmanĝo en apuda restoracio.

La merkredan morgaŭon ĉe la hotelo atendis nin aŭtobuso, kiu restis la «nia» plurtage ĝis la enŝipveturado en Tulcea ĉe la komenco de la Danuba Delto. Ni busveturis al la Palaco Cotroceni, sidejo de la ŝtatpovo ekde kvar jarcentoj. Tie loĝas la rumana prezidento. Sur malnova bazamento de monaĥejo de la deksepa jarcento, staras tiu konstruaĵo de klasika stilo. La reĝo Karolo la Unua ordonis tiun kreaĵon. Kvankam en 1977 grava tertremo damaĝigis ĝin, Nicolae Ceaŭsescu rebonigis ĝin kaj aldonigis al ĝi modernan kunkonstruaĵon por pligrandigi la nombron de oficejoj. Botanika ĝardeno ĉirkaŭas tiun ŝtatan rezidejon. Poste ni enŝipiĝis en malgrandan boaton por atingi restoracion situantan sur insuleto de la lago Herastrau. Sekve vizito de subciela kamparana muzeo rememorigis nin pri la vivmaniero de la rumanaj antaŭuloj.

La jaŭdan morgaŭon, frumatene «nia» aŭtobuso atendis nin por aliri la urbon Tulcea, deirpunkto de nia danub-delta krozado. Alveninte en tiu urbo, por flari la etoson de la venontaj ekskurs-tagoj, ni vizitis la muzeon rilatantan al la vivestaĵoj, al la socia kaj ekonomia rimedoj de la Delt-loĝantoj. Post tiu unua rigardo al la Delto ni alproksimiĝis al la du ŝipetoj, kiujn dum tri tagoj ni uzis kiel hotelŝipojn. En tiu surakvaj gastejoj neniu bruo aŭdiĝas. Fakte ili estas sen propulsa motoro sed tirataj de trenŝipo. Eblas kunmeti la hotelŝipojn, ĉu fronte kupligataj unu apud la aliaj (tiel surkanale eblas translokiĝi al iu apuda ŝipeto) ĉu anservice (unu post la alia). Tio okazas kiam la libera akva vojo ne ebligas al la ŝipoj frontan veturadon. Vespere, oni albordiĝas, ligas la ŝipojn per ŝnuroj al iuj ajn proksimaj arboj kaj meze de la naturo oni vivas izolite de la senĉesa tumulto de la urbaj bruoj. Nur la kantoj de la birdoj akompanis nin. Ni estis en la intimeco de la naturo. Kian revon ni vivis?! Nur post la vespermanĝo el laŭtparoliloj aŭdiĝis muziko, kiun akompanis dancante kaj kantante la plejparto de la krozantoj. Vere, post longa ĉeesto en la ŝipo, vigligi siajn krurojn estas necese de tempo al tempo. Dum tri tagoj, pere de malgranda barko alkroĉita post niaj du ŝipoj, plurfoje ni enbarkiĝis kaj iradis tra la densa arbaro en kiu troviĝas multaj lagoj. Estis la periodo de la nestadoj kaj de la migrado. Multaj birdoj videblis: pelikanoj, kormoranoj, anseroj, cignoj, vaneloj, galinoloj, falkoj kaj multaj aliaj specoj. Belega blua ĉielo akompanis nin dum la tuta krozado. Sur la ŝipo la manĝo rilatis al la surakva etoso. Ni gustumis multajn fiŝojn vivantajn en la Delto. Ni delektiĝis per



Ĉe la Nigra Maro

karpoj, trutoj, angiloj, ezokoj.

Post tiu surakva ekskurso, niaj krozŝipoj albordiĝis en la havenon Tulcea. Denove, «nia» aŭtobuso atendis nin kaj direktis nin laŭlonge de la Nigra Maro ĝis Constanta, kaj poste al Murfatlar, kie ni tagmanĝis en bela vinkela restoracio situanta meze de 3000 ha-oj da vitejo. Kutime dum la tuta jaro ducent laboristoj prizorgas la vitejon. Cetere, la rikolto de la beroj necesigas du mil dungitojn.

Jen, ni alvenis en Bukareŝto kaj tie finiĝis nia tutsemajna kultura periodo. Niaj amikoj kun plezuro daŭrigis sian vojaĝon kaj ni esperu ke siavice iu, per verko, instruos nin pri la sekvo.

***Sed ne bedaŭru pri la fakto, ke vi ne partoprenis tiun belan ekskurson. Koboldo diris al mi ĉe mia orelo, ke eble venontjare Rodica denove proponos novan ŝipaventuron.***

**Jean Ripoche**

# Lingva ŝlosilo – neniu nova afero

Jam en 1947 SJ (*Statens Järnvägar*, Svedaj Ŝtataj Fervojoj) eldonis broŝuron sub titolo: ”Lingva ŝlosilo je vojaĝo per fervojo”.

En naŭ lingvoj estas listigitaj 57 frazoj uzeblaj kaj necesaj, kiam oni vojaĝas per fervojo, ekz-e n-ro 17: ”Kie mi povas aĉeti dormlokan bileton?” Se oni volas tion demandi kaj se oni estas en Svedio, oni trovu la paralelan frazon 17 en la sveda listo, kaj oni povas montri tiun frazon al dungita. La naŭ lingvoj estas germana, angla, hispana, esperanta, franca, itala, rusa, finna kaj sveda.

Tiutempe tuj post la dua mondmilito oni volis vojaĝi. La mondo estis nova, malferma kaj aventura. Aliflanke la scio pri fremdaj lingvoj ĉe la plimulto de la ’ordinaraj homoj’ estis limigita, kaj pro tio tiuspeca broŝuro estis verŝajne tre utila. Oni povas diri, ke nun multaj parolas diversajn fremdajn lingvojn, sed tamen nuntempe estus utilegebla sistemo.

Kelkaj frazoj estas iom ”malmoda”, ekz-e 53V: ”Mi perdis galoŝojn”, - sed ĉio estas ja produkto de sia tempo.

**DEFA**

# La ĉefa fakprelego en Herzberg

## la Baltmara interligo – plia evoluo – n-ro 1

En la fakprelega teksto oni rakontas pri la ponto *Storstrømsbroen* (inter Selando kaj *Falster*), kiu tre gravas por la Baltmara tunel-projekto. Ĝi estas momente (kaj 'denaske') nur unutraka, kaj aŭtune 2011 eĉ oni trovis gravajn fendojn en la ponta konstruaĵo. Jam en novembro la dana parlamento faris politike larĝan interkonsenton esplori ĝisfunde pri la solveblecoj de la problemo. La prelega teksto diras, ke somere 2012 oni decidu KION fari, kaj komence de junio aperis raporto pri diversaj eblecoj.

Tiu raporto montras, ke la malplej kosta solvo estas renovigi kaj ripari la malnovan ponton, sed la plej bona – kaj en pli longa perspektivo plej profita – solvo estas nova kombinita voj- kaj dutraka fervojponto. La raporto donas la decidbazon: kvin diversaj scenaroj, kiujn ellaboris kune la instancoj *Banedanmark* (okupiĝas pri la fervojo en Danio), *Vejdirektoratet* (okupiĝas pri aŭtovojoj) kaj *Sund & Bælt* (stir-organo de la grandaj, danaj interligaj projektoj, i.a. la Baltmara interligo). Oni esploris tiujn scenarojn por eltrovi, kiu estu la plej taŭga, por ke samtempe voj- kaj fervojligoj estu en ordo, kaj la solvo estu soci-ekonomie konvena. La konkludo do estas, ke plej malmultekostas la renovigo, sed soci-ekonomie plej profitas la novkonstruo de voj- kaj fervoj-ligo.

La dana transportministro *Henrik Dam Kristensen* diras: „Kompreneble la ligo trans *Storstrømmen* tre gravas por la Baltmara interligo. Pro tio nun mi traktos la kvin solveblecojn kaj la financadon kun la diversaj interkonsentaj politikaj partioj”. La estro de *Femern Belt Development* (kiu konstruos la baltmaran interligon), *Svend Erik Hovmand*, bonvenigas la rekomendon de nova perspektivigita *Storstrømsbro*. „Tre gravas por la tuta baltmara projekto, ke establiĝos stabila ligo trans *Storstrømmen* – fidinda por multaj jaroj”, li diras.

La ligo estu preta samtempe kiel la Baltmara interligo, do en 2021.

Fonto: *Femern Belt Development*

**DEFA**

PS.

La teksto de la ĉefa fakprelego aperis dum la 64a kongreso kiel 24-paĝa kajero, kiun vi povas akiri ĉe la prezidanto de DEFA kontraŭ 4 EUR (inkluzivas afrankon). Turnu vin al Jan U. Niemann, Hovedvagtsstræde 9E, 1., DK – 3000 Helsingør, tel. +45 49 26 13 19, rete niemann@kabelmail.dk.

**Jan Niemann**

# MEMORVORTOJ

## Yrjö Hiltunen
## (23.04.1917 – 01.01.2012)

Onidiro konsolas: Pli bone malfrue ol neniam.

Tiel estas ankaŭ pri la rememoraj vortoj pri Yrjö Hiltunen, ĉar nur nun ili aperas.

Supozeble dum siaj lastaj vivojaroj li estis la sola IFEF-membro, kiu partoprenis la unuan IFEF-kongreson en Aarhus en 1949.

Ĉiam li estis fidela al sia fervojista esperantisteco, sed la informoj pri liaj agoj estas iom nebulaj, ĉar modeste ĝis ekstremo li neniam metis sin en la centron de la aktivecoj, sed li laboris stabile kaj cel-konscie, i.a. li verkis artikolojn ekzemple pri la transigo de vagonkargoj ĉe la limo inter Svedio kaj Finnlando, kie la larĝo de la ŝpuroj ja ŝanĝiĝas.

Kiom da IFEF-kongresoj li partoprenis mi ne scias, sed la 51-an en Le Mans en 1999 li ĉeestis – supozeble lian lastan, ĉar la kreskanta aĝo kompreneble malhelpis lian fizikan agadon.

Yrjö Hiltunen estis la lasta finna IFEF-membro, kaj ĝis la lasta spiro li atente sekvis la evoluon, supozeble same malĝoje kiel ni aliaj olduloj, kiuj travivis la gajajn kongresojn, kie ni dum ekskursoj komune kantis 'En majo, en majo…'

Al pli junaj legantoj de IF: Pardonu ĉi tiujn iom personajn rememorojn pri modesta persono, kiu agis laŭ sia kapablo, kaj pro tio estu memorata kun respekto kaj certa admiro.

Li ripozu pace!

**DEFA**

## NEKROLOGO

## RAFAEL RUIZ
## (1927 – 2012)

Nia kolego, amiko, samideano Rafael Ruiz en sia 85-a vivjaro pro grava malsano mortis la 18-an de junio.

Li naskiĝis en la urbo Córdoba de Andaluzio. En 1946 li elektis sian profesion ĉe la hispana fervojo RENFE. En la jaro 1962 li translokiĝis en la urbo Badalona.

Tiutempe en Barcelona funkciis kvazaŭ la plej vigla Esperanto-grupo de Hispanio. Li aliĝis al tiu grupo kaj kunlaboris en la movada agado. En 1983 li estis elektita prezidanto de la Hispana Fervojista Esperanto-Asocio (HFEA). Pli poste el la landa organizaĵo HFEA naskiĝis aŭtonoma organizo Kataluna Esperanto Fervojista Asocio (KEFA), kaj li estiĝis honora prezidanto de tiu.

Amiko Rafaelo, ni konservas vian memoron, ripozu en paco.

**Cataluña Esperanto Fervojista Asocio**

# PROVIZORA PROGRAMO POR LA 65-a IFEF – KONGRESO

| | | |
|---|---|---|
| 04.05<br>Sabato | 08.00-19.30<br>14.00-15.00<br>19.00-21.00<br>20.30-22.30 | Akceptejo/informejo<br>Gazetara konferenco<br>Kunveno de la IFEF Estraro/LKK kaj estrarkunsido de IFEF<br>Interkona vespero (La Kompanoj ) |
| 05.05<br>Dimanĉo | 08.00-13.00<br>09.00-11.30<br>11.30-12.00<br>14.30-16.00<br>16.00-19.00<br>20.30-22.00 | Akceptejo/informejo funkcias<br>Solena Inaŭguro<br>Komuna foto<br>Kunsido de la Faka Komisiono<br>Dokumentarfilmo "Esperanto" kaj debato kun la aŭtoro D Gauthier<br>Nacia vespero |
| 06.05<br>Lundo | 08.00-12.00<br>09.00-11.00<br>09.00-12.00<br>13.45-18.00<br>14.00-18.00<br>20.30-22.00 | Informejo/Libroservo funkcias<br>Mil kaj unu noktoj (Daniel Moirand )<br>Nepublika komitatkunsido<br>Vizito de la bordoza tramo (nur por invititaj teknikistoj; Michel Lafosse)<br>Bordozo piede / aŭtobuse / Sankta Emiljono (por bonaj marŝantoj)<br>Spektaklo (Lirikaĵo / La sekreto de la magia trajneto) |
| 07.05<br>Mardo | 09.00-18.30<br>08.30-18.30 | Tuttagaj Ekskursoj ; Arkaŝono (tagmanĝo inkluzivata)<br>Markvezo, landezia ekomuzeo (tagmanĝo inkluzivata)<br>Libera vespero |
| 08.05<br>Merkredo | 09.00-12.00<br>14.00-15.00<br>15.00-16.00<br>17.00-19.00<br>19.00-20.30<br>20.30-00.00 | IFEF-Plenkunsido<br>La venonta kongreso sin prezentas<br>Movadaj aferoj<br>Brile ĉe la lumo / Ni ludu kun la maskeronoj<br>Bankedo (festa vespermanĝo)<br>Postbankeda balo (Fervojista orkestro) |
| 09.05<br>Jaŭdo | 08.30-12.00<br>09.00-10.00<br>10.00-11.30<br>10.00-12.00<br>14.00-17.00<br>14.00-17.00<br>14.00-17.00<br>17.00-18.00<br>17.00-18.30<br>20.30-22.00 | Informejo/Libroservo funkcias<br>Fakprelego (Michel Lafosse)<br>ILEI-seminario (sesio 1-2-3)<br>Fervojaj novaĵoj<br>Ĝenerala kunveno de Esperanto-France (por memorigi)<br>Kunsido de la Faka Komisiono<br>Vizito de la parko de Palmer<br>Kant-ateliero (kajto)<br>ILEI-seminario (sesio 4-5-6)<br>Lokomotivo, rulu nun (koncerto) |
| 10.05<br>Vendredo | 08.30-12.30<br>09.00-12.00<br>09.00-12.00<br>09.00-12.00<br>09.00-10.30<br>14.30-16.00<br>19.30-22.00 | La Citadelo de Blajo<br>Bordozo per panoramobuso<br>Malnova centro de Bordozo perpiede<br>Meblo-fabriko de Gerardo, esperantista metiisto<br>ILEI-seminario (sesio 7-8-9)<br>Solena Fermo<br>Adiaŭa vespero |
| 11.05<br>Sabato | <br>08.30-17.30<br>09.00-18.30 | Forveturo hejmen aŭ al postkongresaj ekskursoj<br>Tuttaga ekskurso per ŝipo laŭ Garono kun Kajto (tagmanĝo inkluzivata)<br>Tuttaga ekskurso Atlantiko, Arkaŝono kaj ĝia golfeto |

62-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Misztótfalusi Nyomdaipari Kft.
Hungarlando
**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz“

# Finjare, festu en Germanio

Partoprenu la venontan 29-an Internacian Festivalon en Dortmund (Germanio) de la 27-a de decembro ĝis la 3-a de januaro 2013 (kun plilongiga ebleco ĝis la 4-a de januaro 2013).
Pluvivu la finjaron en amika etoso kun specifa programo por familioj (kun aŭ sen infanoj) kaj plenkreskuloj.
Interesuloj bonvolu turni sin al
WWW.internacia-festivalo.de
aŭ bonvolu skribi al:
Hans-Dieter Platz
Postfach 1148
DE-34303 Niedenstein Germanio
Tel/fakso: 05624-8007
Poŝtelefono: 0171 64964558
Internacie: +49 sen komenca 0
Retpoŝto:
HDP@internacia-festivalo.de




**La 65-a kongreso de IFEF, kaj la kongreso de UFE okazos de la 4-a ĝis la 11-a de majo 2013 en Francio, en Artrigues-pres-Bordeaux. Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe via landa asocio.**